XXXIII-a Jaro — N-ro 444 — 25 Junio 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# La Enciklopedio de Esperanto

## Ideo kaj movado -- Dokumentado -- Efektivigo -- Enhavo de l'E.d.E. -- Kompletigo

### Ideo kaj movado

« Por ke Lingvo Internacia estu tia, ne sufiĉas nomi ĝin tia » ie diris la kreinto de nia lingvo. Kaj li pravis. Sinteza lingvo devas esti enkondukata. Por ke ĝi rekomendu sin, necesas pruvi eblecon interkompreniĝi per ĝi kaj duaŝtupe, ke jam certa nombro da homoj ĝin uzu. Kaj por ke la lingvo iĝu tia, necesas konvinkigi la homojn pri la utileco de la kreaĵo. Unuvorte: Ideo iĝu movado.

Kiel naskiĝis la ideo de internacia lingvo estas temo jam diversfoje kaj diversmaniere montrita. Utopiistoj kaj realistoj, ambaŭ irantaj laŭ malsamaj vojoj serĉis realigi tion, kion oni prave nomis « songo de l'homaro ». Sed kiel el tiu-ĉi ideo fariĝis movado, jen temo pri kiu la plimulto de nuna publiko uzanta Esperanton, estas nur malprecize kaj nesufiĉe informata. La kutimaj verkoj pri tio, historiaj priskriboj estas, aŭ nur ekstraktoj aŭ ne sufiĉe precizaj, aŭ malnoviĝintaj. Eĉ Esperantistoj de la malnova gvardio ne konas, aŭ jam forgesis decidajn fazojn de la movado.

### Dokumentado

La dokumentado pri la movado fariĝas pli kaj pli komplika ja iafoje eĉ neebla. La ekzistantaj bibliotekoj ja posedas la brikojn por la konstruado sed mankas la mortero (la mono) permesanta la konstruon mem de domo nomigebla konstanta dokumentado. La amaso da faktoj, okazaĵoj, la nombro de agintaj kaj agantaj personoj, la variaj aperaĵoj de movado, ĉio tio ĉi postulas regulan observadon, kian la nuna esperantistaro ne povas financigi. Pri la neceso de regula dokumentado ne ekzistas dubo.

La materialo por starigi tian konstantan dokumentadon, la brikoj, troviĝas en periodaĵoj, adresaroj, jarlibroj raportoj. Kaj fine la libraro en Esperanto formas gravan parton de tia dokumentado.

### Efektivigo de ideo

Kolekti, kunigi, kaj fine redakti la materialon en taŭga maniero estas laborego de multaj jaroj. De la redaktado ĝis eldono estas ankoraŭ longa vojo, ĉar eldoni tian verkon riskas neniu facile.

Rusa esperantisto, Ivan Genadieviĉ Ŝirjaev, kiu, se li estus ĝisvivinta 1937, estus 60 jaraĝa, komencis la laboron. Diligente kaj senbrue li kolektis datojn, informojn, citaĵojn kaj netskribis ĉion sur slipoj. 2092 titolojn li tiel prilaboris kaj tiu ĉi amaso da materialo formis la kernon de la **Enciklopedio de Esperanto.** Eldoni ĉi-tion en konvena formo estas la merito de la eldonisto de Literatura Mondo, en Budapest. Du volumoj kune sescent paĝoj da teksto kaj kun centoj da ilustraĵoj formas hodiaŭ la verkon sub la nomo « Enciklopedio de Esperanto ».



Pastro Ivan G. Ŝirjaev.

### Enhavo de la E.d.E.

La Enciklopedio de Esperanto estas fontverko pri ĉio kio tuŝas nian movadon. Foliumante la du volumojn aperas antaŭ nia okulo la multkolora mozaiko de l'Esperantismo. Mallongaj priskriboj de libroj aperintaj, biografioj de personoj, artikoloj pri la movado en la unuopaj landoj, prilingvaj artikoloj, informoj pri urboj gravaj en la historio de la movado, estiĝo kaj morto de periodaĵoj esp., ĉion tion oni trovas en tiu ĉi verko. Ja eĉ la edziĝoj interesperantistaj ne mankas!

Kiel unua tiaspeca verko, unika por movado, sed nepre utila kaj servanta multope, ĝi ne estas sen mankoj. Kompleta leksikono ja neniam ekzistas, kaj malfacile estas difini kio nepre estu, kaj kio estas balasto, ne enviciginda. Nombroj pruvas. Utilas koni la amplekson de la Enciklopedio per ciferoj. Je tio servu jena statistiko de la unua volumo:

| Artikoloj pri: | 1-a vol. |
|---|---|
| 1. Personoj | 668 |
| 2. Libroj | 162 |
| 3. Gazetoj | 45 |
| 4. Lingvo | 18 |
| 5. Landoj | 33 |
| 6. Urboj | 25 |
| 7. Organizaĵoj, librejoj eldonejoj, ktp. | 44 |
| 8. Variaĵoj | 37 |
| 9. Resendoj al alia titolo | 90 |
| Sume | 1122 |

### Kompletigo de E.d.E.

Malgraŭ la granda diligenteco de l'iniciatinto Ŝirjaev kaj de la redaktoroj de l'EdE, mankas indikoj pri multaj eroj de la movado. Pri tio konsciis jam la eldonisto kaj decidis kompletigi la du volumojn per tria, kiu enhavas la mankojn kaj novajn okazintaĵojn inter 1933-1936. Tiu ĉi tria volumo, prilaborata de kompetenta persono nun estas kompostata sinsekve kaj aperos dum 1938. Ĝi enhavos kiel novajn artikoletojn inter alie: ŝtatistoj rilatantaj nian movadon, Ambasadoroj-esp.; baptonomoj esperantistaj, studo pri nomoj de esp. grupoj, pseŭdonimoj, judoj kaj esperantismo, koncizaj priskribo de E en Germanujo (dokumentita) k.t.p. k. t. p. Post apero de tiu ĉi tria volumo, la EdE estas unu el la ĉefaj verkoj de nia libraro, konsultilo por ĉiu, kiu ne nur vidas en Esperanto lingvon, sed movadon kun socia karaktero.

Ĝi respegulas en koncizaj ĉapitroj afere kaj sobre redaktitaj la etapojn de la marŝo al venko de l'Esperantismo. Indas, ke okaze de la Jubilea jaro ni memoru dankeme niajn pionirojn, oferintajn tempon kaj monon. Sed ni danke memoru ankaŭ la homojn, kiuj per la EdE permesas, ke ni sciu pri la pionira laboro, kiuj per tia dokumenta verko tiras el forgeso la pasintecon de nia celado.

**Alobrogo.**




## Poŝtmarko el Kolumbio

Kiam mi estis infano, mi pasie amis poŝtmarkojn. Kolektadis ilin mia kuzeto, kolektadis ilin kelkaj aliaj el miaj samaĝuloj, do kolektadis la poŝtmarkojn ankaŭ mi.

Ĉiuvespere, post la horoj de la konsultado, ni eniradis en la kabineton. Dum ĉe la lumo de gaslampo mia patro sidis klinita super la ricevitaj leteroj, mi esploris la enhavon de la paperkorko, staranta sub la skribtablo. Ĝi estis por mi vera poŝtmarkominejo, el kiu mi triumfe eltiradis koverton post koverto.

Filatelisto malsaniĝus pro rido, se li vidus mian unuan poŝtmarkan albumon. Ĉar mi metadis tien ne nur specimenojn, sed simple ĉiuj poŝtmarkojn, kiujn mi povis akiri: la tutaj paĝoj estis tapetitaj per samaj poŝtmarkoj, la plej ordinaraj, la plej senvaloraj.

Poste mi eksciis, ke la veraj filatelistoj metas en albumon nur po unu el ĉiaspecaj poŝtmarkoj. Do, mi faris same, kaj, ricevinte novan albumon, mi ornamadis ĝiajn paĝojn pli konforme al filatelistaj leĝoj.

Nu, koncerne la eŭropajn landojn, la afero iris sufiĉe bone. Sed la paĝoj de certaj aliaj kontinentoj estis malpli imponaj.

Oni persvadis al mi, ke ne konvenas aĉeti poŝtmarkojn, ke la ricevinto de tiuj ankaŭ pensis pri la albumon nur tion, kion mi deŝiris de la kovertoj.

Sekve oni povas facile kompreni, ke mia albumo estis ĝis certa grado termometro, montranta la progreson de la esperanta febro en la diversaj landoj de la mondo.

Kaj dum mi, esplorante la enhavon de la paperkorbo, plendis iafoje, ke ne venas « pli interesaj leteroj », sendube la ricevinto de tiuj leteroj ankaŭ pensis pri la malproksimaj landoj, kie lia voko estis ankoraŭ malmulte aŭdita, kie brusto, ornamita per verda stelo estis tiel malofta, kiel poŝtmarkoj sur kelkaj paĝoj de mia albumo.

El tiu albumo incitis min speciale unu paĝo, tute virga, rezervita por iuj malproksimaj regionoj de la Suda Ameriko. Kiel mi sopiris havi unu, almenaŭ unu solan poŝtmarkon el Kolumbio !

Fine, unu feliĉan vesperon, mia Patro eniris en la manĝoĉambron, kie mi estis kun la patrino, kaj kun radianta vizaĝo kaj promesa rideto demandis, ĉu mi bone kondutis dum la tuta tago. Feliĉe, la patrino povis doni al li jesan respondon ! Kaj tiam mi ekaŭdis grandan novaĵon : mi ricevos poŝtmarkon el Kolumbio !

Tio estis certe unu el la plej ĝojaj momentoj de mia infaneco.

Mi dancis kaj kantis ĉirkaŭ la tablo, kie, en vazeto, en iom da akvo, malgluonta la poŝtmarkon de la koverto, estis « prepariĝanta » mia revo — granda, ruĝa poŝtmarko el Kolumbio, poŝtmarko el Kolumbio !

Ridetis ankaŭ mia Patro, li, kiu malofte ridetadis. En tiu tempo mi neniel dubis, ke li ridetis nur pro mia ĝojo.

Sed poste, kiomfoje mi prenis en la manon la malnovan albumon, kaj rigardis la grandan ruĝan poŝtmarkon, mi demandadis min : kiu tiam ĝojis pli multe : ĉu mi, ĉar mi sukcesis rompi la monotonan blankecon de la malplena paĝo, aŭ mia Patro, al kies « forta voko » venis nova eĥo ?

*Lidia Zamenhof.*

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# Vojaĝo de Prof. BOVET ĉirkaŭ la mondon



**Protesoro BOVET**

Profesoro Pierre Bovet de l'Institituto Jean Jaques Rousseau en Genève, iniciatinto de gravaj manifestadoj internaciaj kun Esperanto kiel internacia lingvo, entreprenas nun vojaĝon ĉirkaŭ la mondon. Prezentiĝas unika okazo por esp. grupoj saluti lin kiel gaston. La apuda vojaĝplano indikas la haltojn. Por eventualaj invitoj oni povas skribi laŭ jena adreso: Prof. Pierre Bovet c/o Dr. Cunningham, 145 Collins Street, Melbourne C.1. Aŭstralio. Oni atentu pri la distanco kaj se necese uzu flugpoŝton.

### Vojaĝplano

Junio 23: Cherbourg-Forveturo.
» 29: Newyork-Alveno.
Julio 7: Vancouver-Forveturo. (Ŝipo Monoway).
Halto en Honolulu kaj Auckland
Aŭg. 1: Alveno en Sydney. Kongreso de la Internacia Ligo por la Nova Edukado.
» 4-6: En Brisbane.
» 9-16: En Sydney.
» 18-20: En Canberra.
» 24-31: En Melbourne.
Sept. 1: En Hobart.
» 3-9: En Adelaide.
» 14-18: En Perth.

Post Aŭstralio kaj post la kongreso de la Internacia Ligo por la Nova Edukado, Prof. Bovet partoprenas la delegacion de la Internacia Ligo por Nova edukado, vizitanta Hindujon. La vojaĝplano estas la jena:

Okt. 25: Alveno en Madras. Septaga restado.
Nov. 1: Mysore (7 tagoj).
» 8: Hyderabad (3 tagoj).
» 11: Nagpur (2 tagoj).
» 15: Bhopal (2 tagoj).
» 18: Gwalior (3 tagoj).
» 22: Agra (2 tagoj).
» 25: Aligarh (3 tagoj).
» 29: Delhi (5 tagoj).
Déc. 4: Lahore (7 tagoj).
» 11: Ludhiana (2 tagoj).
» 14: Lucknow (4 tagoj).
» 18: Benares (2 tagoj).
» 21: Santiniketan (3 tagoj).
» 24: Calcutta (7 tagoj).
Pedagogia kongreso (Tuthinduja Eduka konferenco).— All India Educational Conference.

1938:
Jan. 1: Bombay (7 tagoj).
» 8: Baroda (2 tagoj).
» 15 aŭ 22: Bombay. Forveturo.
Februaro: Konferenco en la Egipta Universitato de Kairo.

## Voĉo el Hispanujo

La Centra Oficejo de UEA estis agrable surprizita ricevinte la viziton de Sinjoro

F. Azorin e Izquierdo,

eks-delegito de UEA en Cordoba, verkinto de la Arkitektura Vortaro, pioniro de Esperanto en sia lando. S-ro Azorin venis al Genève por partopreni la 23-an Labor-konferencon, kiel teknika konsilanto de la registara delegito hispana.

La Ĝeneva Esperantista Grupo LA STELO profitis tiun ĉi okazon kaj aranĝis preleg-vesperon. Sinjoro Azorin bonvolis paroli en kunveno, vizitita de la tri ĝenevaj grupoj pri la aktuala situacio en Hispanujo. La simpatia parolinto rikoltis riĉan aplaŭdon pro lia objektiva kaj trankvila elmontro dignoplena de la situacio.

# Federacio Esperantista de Centra Montaro

(Allier, Aveyron, Cher, Cantal, Puy-de-Dôme, Lozère)

La jara kongreso de la Federacio Esperantista de Centra Montaro por 1937 okazis en Montluçon (Allier) la 13 an de junio.

La laboroj de tiu kongreso estis sekvitaj kun granda intereso de multaj samideanoj, venintaj el la tuta federacia teritorio kaj de kelkaj el najbaraj federacioj.

La kongreson partoprenis ankaŭ F-ino Lidia ZAMENHOF.

La debatoj, ĉiam bontonaj, estis tre viglaj.

La diskuto pri la federacia direktigo, motivita de la internacia agado de S. F. P. E., en kiu partoprenis ankaŭ speciale venintaj el Parizo S-roj ARCHDEACON kaj PETIT, la prezidanto kaj sekretario de S. F. P. E., prezentis viglan interŝanĝon de la opinioj.

S-ro CHAGNOUX, la federacia sekretario, prezentis unue la motivojn kiuj devas konduki la federacion definitivigi la provizoran decidon, voĉdonitan de la lasta kongreso, kaj celantan ĉesigi la apartenon de la federacio al S. F. P. E.

Poste S-ro PETIT per pledado tre lerta sed konstruita sur fundamentoj nesufiĉe firmaj, prezentas la defendon de S.F.P.E.

S-ro NAOUMOFF el Parizo, en maniero tre preciza, faris logikan kaj eĉ matematikan kritikon de la agado de S. F. P. E.

S-ro MOVO siavice daŭrigis tiun kritikon rekte sur la internacia plano.

S-ro ARCHEACON respondas kaj provas senkulpigi kaj pravigi la formajn malregulaĵojn, kies graveco ŝajnas al li tute duagrada en decido akceptita de la komitato en ĝia plena potenco.

S-ro GONON el Thiers indikas la faktan situacion de la lokaj delegitoj antaŭ la rapidigita voĉdono por la oficiala konfirmo de la propono de la komitato de S. F. P. E.

S-ro MEYZONNADE el Moulins prezentas la situation tia, kia aperas al la plimulto de la esperantistoj kaj pravigas la sintenon, kiun tiuj ĉi estis devigitaj preni en la konflikto, en kiu la idealeco de la anaro kontraŭstaras al la senidealeco de la estroj.

Fine D-ro FRUICTIER, kiu prezidas kun granda senpartieco, rekomendas al la kongresanoj, tute bone konantaj jam la aferon, juĝi saĝe.

La proponita decido, prezentita al la voĉdono, estas unuanime akceptita de 142 voĉoj, al kiuj kuniĝas tiuj de la nova grupo de Berry, kies fondinto, S-ro COURTINAT, petas aliĝon al la Federacio de la Centra Montaro.

Jen la teksto de la decido:

La Esperantista Federacio de Centra Montaro (Francujo)

*Memoringante* sian decidon de la 10 an de Januaro 1937-a, prenitan sekve de la eksiĝo de la nacia Esperanto Asocio S.F.P.E. el Universala Esperanto Asocio (U.E.A), decidon kiu haltigis la pagon al S. F. P. E. de la kotizpartoj, kiujn laŭstatute rajtis U. E. A., sed kiujn S. F. P. E. intencis pagi al al nova asocio I. E. L.

*Konsiderante* ke la starigo en Anglujo de la nova Asocio I. E. L. celis simple detrui la asocion U. E. A., fonditan de longe en Ĝenevo, urbo en kies elekto ZAMENHOF vidis simbolon de neŭtraleco kaj paco.

*Konsiderante* ke Esperanto, helplingvo, kies alta idealo estas ĉefe pacema kaj homarana, bazita sur nepre neŭtrala fundamento, nenion gajnus, se la esperantistaro akceptus, ke la direktado de la afero estu donita al Asocio havanta sidejon en granda lando kiu — malgraŭ ke ĝi estas tre liberala — kontraŭstaras per la fakto mem de sia potenco, la absolutan neŭtralecon, nepre devigan al disvastiĝado de Esperanto sur la universala kampo.

*Konsiderante* ke S.F.P.E. devigas siajn membrojn aliĝi al I.E.L.,

*Konsiderante*, aliparte, ke U.E.A. estis kondukita konstati ke universala asocio, kiu estas federacio de naciaj asocioj, kiel ĝi estis fakte dum 1934-1935 perdas pro tio sian karakteron de absoluta neŭtraleco kaj sendependeco, rilate al la plej gravaj el la naciaj asocioj, kaj decidis de tiam akcepti nur izolajn membrojn.

*Konsiderante* fine ke la loka propaganda agado de la federacio povas nur esti plifaciligita pro ĝia nealiĝo al internacia organizaĵo kies indikojn kaj direktadon ĝi devus iagrade akcepti,

*Tamen*, taksante laŭ ĝia ĝusta valoro la agadon de la nacia asocio S.F.P.E. sur la nacia kampo.

*Decidas :*

1°/ — Ne aliĝi al I.E.L.
2°/ — Eksiĝi el S.F.P.E. por tiel longe, kiel S.F.P.E. devigos siajn membrojn aliĝi al I.E.L. kaj mem apartenos al tiu organizaĵo.
3°/ — Inviti, insiste petante, siajn membrojn aliĝi individue al U. E. A.
4°/ — Inviti frate ĉiujn aliajn francajn federaciojn al la sama sintenado.

La Sekretario,
D. CHAGNOUX.

# — EL REGNO DE EUTERPO —

**Redaktas: Hillar Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallinn**

## Himnaro de la nacioj

*Saluton al la popolo/ kie viroj kantoriĉaj/ formas en versoj/ patran saĝecon/ laŭde glorantaj/ heroajn agojn/ ĉe korda sono/ Saluton al tiu ĉi popolo/ Gia gloro neniam pereos.*

(*Laŭ ĉerkesa melodio*).

La animon de nia movado kaj de la lingvo pruvas jam la fakto, ke en la grupa vivo la muziko ludas sian rolon.

*Kie kantoj sonas, restas for pasioj*
*Al malicaj homoj, mankas melodioj.*

diras prave versaĵo. Bela cento da kantaroj, riĉa kolekto de marŝoj kaj de ĉiaspecaj muzikajoj pruvas, ke

*Esperantisto estas bonegulo*

kiel diras multe ŝatata rondkanto esperantista.

Unu kampon oni ankoraŭ ne prilaboris. Estas la nacia himno. Bone konata samideano instigis, ke ni kreu tian fakon. Post ekzameno ni akceptis. Por doni al la rubriko ĝeneralan karakteron ni alvokas kunlaborantojn. Jen la labormetodo:

ESPERANTO en sia muzika angulo publikigas tekston de nacia himno kun notoj aranĝitaj laŭeble por kvarvoĉa ĥoro, soprano, aldo, tenoro, baso, laŭ la originala melodio kaj kutime uzata harmoniigo.

Povas partopreni la kompiladon, t.e. sendi tradukon de sia nacia himno aŭ muzikaranĝon de la oficiala melodio, aŭ klarigojn ĉiu samideano kompetenta. Antaŭ ol komenci laboron, la bonvola kunlaboranto sin anoncu ĉe la redaktoro de la muzika angulo

S-ro Hillar Sakaria, Tallin V. Kalamaja 11-a 3 kiu informas pri la labormaniero.

Antaŭiros la tekston kaj melodion de la himno, mallonga priskribo de la deveno, de la tekstverkisto kaj de la komponisto, plie utilos indiki kiel oni kutimas honori la himnon en la lando, okaze de la kantado, ĉu oni leviĝas, demetas ĉapelon k.t.p.

La alsendaĵoj de la kunlaborantoj aperos sub ilia nomo. La tuta materialo estas kunigota en libro.

Ĉiu kunlaborinto ricevos unu ekzempleron de la libro sur luksa papero kaj du ordinarajn. La libro devos formi praktikan gvidilon tra la nacia himnaro kaj poŝforme ĝi estos taŭga konsultilo, kia ankoraŭ ne ekzistas en nacia lingvo. Tiel ni kreas analogiajon al la « Voĉoj de Popoloj » de Herder, sed en internacia lingvo.

Post la apero de la kolekto ni intencas aperigi kolekton de la plej tipaj popolkantoj, ankaŭ kun muziknotoj.

## Estona himno

La muziko de la estona himno estas identa al tiu de la finnlanda, ĉe kiu lasta tamen, la dua parto komence per la tria kvarono de la kvina takto ĝis la fino estas ripetata.

Komponis ĝin muzikdirektoro Frederik Pacius, (1809-1891) en Helsinki. Kun estona teksto de G. F. Rinne presita unue en jaro 1868 kun la nun oficiala teksto de J. V. Jannsen « Mu isamaa, mu onn ja room » presita unue en jaro 1869.

La tekston formis Johan Voldemar Jannsen (1819-1890), verkisto, jurnalisto, gvidinto de la estonaj naciuloj.

La premiitan Esperanto-tradukon, plenumis Hilda Dresen en Tallinn. Ĝi aperis en Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio » n-ro 77, 1928.

La estona himno estas unuafoje kantita de virĥoroj dum la unua tutestona kantfesto en Tartu Julio 1869. Ĝi fariĝis simbolo, disradianta al la subpremata popolo konsolon kaj esperon pri liberiĝo de fremda jugo. La sendependeco de Estonio estis proklamita la 24an de Februaro 1918 kaj de tiam la popola kanto fariĝis nacia himno.

La himno estas aŭdigata dum ĉiuj gravaj okazajoj kaj ŝtataj festoj, paradoj, popolkunvenoj.

## Ho Patroland'

*Teksto : J. V. Jannsen* *Trad. Hilda Dresen.*

*Ho patroland', feliĉ' kaj ĝoj', belega estas vi !*
*Troviĝas sur la vasta ter' nenio, kio kun sincer'*
*Pli multe glorus mia kant', ol vin, ho patroland'.*

*Naskiĝis mi sur via sin' kaj vi edukis min.*
*Vin dankas mi per tuta fort' fidela restas ĝis la mort'.*
*Vin pleje gloras mia kant' karega patroland'.*

*Gardadu Dio ĉiam vin, karega patroland'*
*Sur ĉiu via entrepren' neniam manku Lia ben'.*
*Li estu via defendant', karega patroland'.*







La ĉeestantoj stare aŭskultas silente, aŭ kunkantas solene, viroj kun malkovrita kapo, militistoj kun konforma saluta gesto. Pluaj movoj aŭ gestoj ne estas postulataj aŭ praktikataj. La tria verso de la himno komenciĝas mallaŭte, fine laŭtiĝonte. La kantadon de la himno ne sekvas aplaŭdoj, vivukrio aŭ io simila.

## El flaviĝintaj folioj — La vojaĝo en Harz de H. Heine

*La Unua Libro de Esperanto aperis en 1887, ne kiel oni erare kredas, dum Majo-Junio (Cenzura aprobo) sed dum Septembro-Oktobro.*

*Jardekon poste ekzistas jam malgranda biblioteko, ĉefe tradukaĵoj. Kun emocio oni legas hodiaŭ tekstojn el tiu ĉi epoko, ni kiuj hodiaŭ jam tediĝas de tro multe da legaĵoj en Esperanto kaj ofte ne scias kion elekti.*

*Ni represas en sinsekvaj numeroj de ESPERANTO tradukaĵojn el la unua epoko de nia lingvo kaj komencas per fragmento el la libro de Heinrich Heine Reisebilder, La Vojaĝo en Harz, trad. de Gernet k. Kofman* (1897).

(Redakcio).

2.

Iam kaj iam preterruliĝis ankaŭ unu ĉevala veturilo, plenpakita per studentoj, kiuj forveturis por la vakancoj aŭ por ĉiam. En simila universitata urbo estas konstanta venado kaj forirado, post ĉiuj tri jaroj oni trovas tie novan generacion de studentoj. Tio ĉi estas eterna homfluado, kie unu semestra velo elpuŝas la alian, kaj nur la maljunaj profesoroj restas fortike kaj neŝanceleble stari en tiu ĉi komuna movado, simile al la piramidoj de Egiptujo — nur en tiuj ĉi universitataj piramidoj estas kaŝita nenia saĝeco.

Ĉe Rauschenwasser mi vidis du esperoplenajn junulojn elrajdi el la mirta arbareto. Unu homino, kiu profesias tie sian horizontalan metion, akompanis ilin ĝis la vojo, batetis per ekzercita mano la malgrasajn femurojn de l'ĉevaloj, kaj laŭte ekridis, kiam unu rajdanto redonis al ŝi per la vipo kelkajn amindumaĵojn en ŝian larĝan postan aĵon, kaj poste ŝi direktis ŝin al Bovden. La junuloj do rapidis al Nörten, kaj kriis tre sprite, kaj kantis tre agrable la kanton de Rossini: " Trinku bieron, kara, kara Lizo! " Tiujn ĉi tonojn mi ankoraŭ longe aŭdis en malproksimo; kvankam la agrablajn kantistojn mem mi baldaŭ tute perdis el la vido, ĉar ili tute terure spronis kaj vipis siajn ĉevalojn, kiuj ŝajne en fundamento havis germanan malrapidan karakteron. Nenie la defelado de ĉevaloj estas ekzercata pli forte, ol en Göttingen, kaj ofte, kiam mi vidis, kiel unu simila ŝvitanta lama ĉevalfiguro estas turmentata de niaj kavaliroj el Rauschenwasser por ricevi iometon da nutraĵo, aŭ devas treni la veturilon plenan da studentoj, mi ankaŭ pensas: " Ho, malfeliĉa besto, kredeble viaj prapatroj manĝis en paradizo malpermesitan avenon! "

En la taverno de Nörten mi denove renkontis ambaŭ junulojn. Unu el ili manĝegis salaton el haringoj, kaj la dua interparolis kun la flavhaŭta servantino, Fusia Canina, nomata ankaŭ Knedbirdo. Li diris al ŝi kelkajn konvenaĵojn kaj fine ili uzis ankaŭ la manojn. Por faciligi mian sakon, mi elprenis la tie enpakitan bluan pantalonon, tre rimarkindan en historia rilato, kaj donacis ilin al la malgranda servanto, kiun oni nomas Kolibri. Bussenia, la maljuna mastrino, alportis al mi dume buterpanon kaj plendis, ke mi nun vizitas ŝin tiel malofte, ĉar ŝi tre amas min.

Post Nörten staris la suno alte kaj brilante en la ĉielo. Ĝi tre deziris al mi bonon kaj tiel varmigis mian kapon, ke ĉiuj nematuraj pensoj en ĝi fariĝis plenmaturaj. La kara suno de l'hotelo en Nordheim ankaŭ ne estas malŝatinda; mi eniris tien, kaj trovis la tagmanĝon jam pretan. Ĉiuj manĝoj estis bonguste preparitaj kaj plaĉis al mi pli, ol la sengustaj akademiaj manĝoj, la sensalaj, ledaj gadoj kun ilia maljuna brasiko, per kiuj oni regalis min en Göttingen. Kiam mi iom kontentigis mian stomakon, mi rimarkis en la sama hotela ĉambro unu sinjoron kun du sinjorinoj, kiuj estis pretaj forveturi. Tiu ĉi sinjoro estis vestita tute en verdo, eĉ la okulvitrojn li portis verdajn, kiuj ĵetis sur lian ruĝan kupran nazon nuancon kvazaŭ de verdigro, kaj li havis la vidon, kiel la reĝo Nabuĥodonosor en liaj lastaj jaroj, kiam li, laŭ la tradicio, simile al arbara besto, manĝis nenion krom salato. La verda deziris, ke mi rekomendu al li hotelon en Göttingen, kaj mi konsilis al li demandi tie ĉe la unua renkontita studento la hotelon de Brühbach. Unu el la sinjorinoj estis lia edzino, tre granda kaj ampleksa sinjorino, ruĝa vizaĝo de unu kvadrata mejlo kun la kavetoj sur la vangoj, kiuj elvidis kiel kraĉejoj por dioj de amo, longevianda duobla pendanta mentono, kiu ŝajnis esti malbona daŭrigo de la vizaĝo, kaj alte amasigita brusto, kiu kvazaŭ per turetoj kaj bastionoj estis ĉirkaŭbarita per malmolaj puntoj kaj multdente festonitaj kolumoj, kaj similis la fortikaĵon, kiu certe tiel same malmulte povus kontraŭigi al la azeno, ŝarĝita per oro, kiel tiuj aliaj fortikaĵoj, pri kiuj parolas Filipo la Macedona. La alia sinjorino, sinjorino ŝia fratino, estis tute kontraŭa al la ĵus priskribita. Se la unua devenis de la sep grasaj bovinoj de Faraono, la dua devenis de l'malgrasaj. La vizaĝo — nur buŝo inter du oreloj, la brusto senkonsole dezerta, kiel la kampo de Lüneburg; la tuta elkuirita figuro similis la senpagan tagmanĝon por malriĉaj teologoj. Ambaŭ sinjorinoj demandis min unutempe, ĉu loĝas en la hotelo de Brühbach ankaŭ ordaj homoj. Mi jesigis ĝin kun trankvila konscienco, kaj kiam la aminda trio forveturis, mi salutis ilin ankoraŭ unu fojon el la fenestro. La mastro de l'Suno ruze ridetis; li sciis kompreneble, ke la karcero estas nomata de la studentoj en Göttingen hotelo de Brühbach.

Post Nordheim la lando fariĝas monta kaj tie kaj ie leviĝas belaj altaĵoj. Sur la vojo mi renkontis plej ofte butikistojn, kiuj iris al la foiro en Braunschweig, ankaŭ aron da virinoj el kiuj ĉiu portis sur la dorso grandan kaĝon, altan preskaŭ kiel domo, ĉirkaŭkovritan per blanka tolo. En la kaĝoj sidis ĉiaspecaj kaptitaj kantobirdoj, kiuj senĉese pepis kaj fajfis, dume iliaj portistinoj gaje saltetadis kaj babiladis. Al mi ŝajnis tre ridinda, ke unu birdo portas la alian al la foiro.

En fulge-nigra nokto mi venis al Osterode. Apetito por manĝi mankis al mi, kaj mi tuj kuŝiĝis en liton. Mi estis laca kiel hundo kaj dormis kiel dio. En sonĝo mi revenis en Göttingen'on kaj precize en la tiean bibliotekon. Mi staris en la angulo de l'salono de jurisprudenco, traserĉadis la malnovajn disertaciojn, profundiĝis en la legadon, kaj kiam mi ĉesis, mi rimarkis kun miro ke estis nokto kaj ke pendantaj kristalaj kandelaringoj lumigis la salonon. La proksima horloĝo de preĝejo batis precize dek-du, la pordo de l'salono malrapide malfermiĝis, kaj tien eniris fiera grandegula virino, respektege akompanata de membroj kaj anoj de la fakultato de jurisprudenco. La grandegulino, kvankam jam aĝa, havis tamen sur la vizaĝo la trajtojn de severa beleco, ĉiu ŝia rigardo aperigis la altan filinon de Titanoj, la potencan Temidon, glavon kaj pesilon ŝi tenis negliĝe en unu mano, en la alia ŝi tenis rulon de pergameno, du junaj *doktores juris* portis la trenon de ŝia griza perdinta koloron vesto, ĉe ŝia dekstra flanko saltadis ventsimile la maldika hofrato*) Rustikus Baner, Likurgo de Hannover, kaj deklamis el sia nova projekto de leĝoj; ĉe ŝia maldekstra flanko lamis tre ĝentile kaj bonhumore ŝia *cavaliere servente*, la sekreta justicrato**) Cujacius Hugo, kaj senĉese diris juristajn spritaĵojn, kaj ridis mem pri ili tiel kore, ke eĉ la grava diino kelkfoje klinigis al li ridetante, frapis per la granda pergamena rulo lian ŝultron, kaj amike murmuretis:

" Malgranda flirtema petolulo, kiu tondas la arbojn de supre! " Ĉiu el la restaj sinjoroj ankaŭ proksimiĝis kaj havis ion por rimarki kaj por ridi: ian nove esploritan sistemeton, aŭ hipotezeton, aŭ similan aborton de l'propra kapeto.

(Daŭrigo sekvos).

---

*) *Hofrato* = kortegkonsilisto. — *La trad.*

**) *Justicrato* = leĝkonsilisto. — *La trad.*

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

### Kritik-historia skizo de Petro Stojan

X.

*(sekvo)*

Ĝi sankciis la novan institucion, nomitan «Lingva Komitato». Naŭdek ok anojn el 28 landoj, krom Zamenhof, ĝia natura honora prezidanto. El tiu nombro 98 ne ĉiuj estis kapablaj kaj bonvolaj entrepreni la grandiozan taskon de la lingva konstruado. Nun, kiam la tempa malproksimo permesas al ni juĝi la rezultaĵojn, ni vidas ke apenaŭ kvinono (20 %) el tiu anaro kapablis fari ion utilan por la lingvo. La ceteraj, plimultaj, estis aŭ fervoraj propagandistoj aŭ gloramaj prezidantoj de lokaj grupoj, aŭ ofte nur reprezentantoj de sia nacio, honoritaj per la titolo de manifestacioj. Sufiĉis esti « unua pioniro » de iu lando, « redaktoro » de iu folieto, « eldonisto » de kelkaj broŝuroj, por esti akceptita. Tiel estis farita fatala eraro, kies sekvojn ni sentas ankoraŭ hodiaŭ, kaj devigis eksiĝi Kabe, kaj dek aliajn vere kompetentajn Esperantistojn. Anstataŭ fondi mallarĝan grupon kapablan utile « labori », kun dek aŭ maksimume dudek spertaj anoj*, oni starigis centmembran komitaton, kiu havigis honorajn titolojn, sed kiu ne devigis ion ajn fari. Okazis ankaŭ, ke inter tiuj 98 anoj estis granda nombro da tiaj, kiuj ne nur kapablis flue paroli, sed eĉ ne povis skribi tri liniojn sen eraroj de gramatiko. Ni havas en la manoj aŭtentajn leterojn de kelkaj Lingvo-Komitatanoj (LK), skribitaj en la periodo de 1905 ĝis 1930, kiuj atestas ilian profundan nekapablecon en lingva rilato. Knabo sukcesinta la ekzamenon pri « kapableco » estus skribinta pli korekte. En unu el la postmilitaj kongresoj oni aŭdis akademianon, kiu parolis pri « tutaj la homoj » (ĉiuj homoj)!

Nin ne interesas ĉi tie pure mekanika laboro: kompilado, represado, ordigado de jam konataj elementoj, nek nacia tradukado de jam ekzistantaj radikoj. Tio ne estas la lingva konstruo pri kiu revis Zamenhof, kreante la «lingvan institucion ». Traduko de la Fundamento en baska aŭ romanĉa lingvo estas vere «lingva laboro», tio helpas al la propagando, sed nenion ŝanĝas en ĝia intima organismo. Por nia temo pri la evoluo de Esperanto konvenas nur faktoj pri ĝia efektiva progreso. Tiurilate ni povas resumi ĉiujn ĝisnunajn laborojn de LK per unu vorto: « nenio ». La lingva komitato efektive nenion faris por pliriĉigi, pliordigi aŭ senbalastigi Esperanton. Por apogi tiun aserton, ni citu la parolojn de la prezidanto, kaj aliflanke ĵetu rigardon al la verkaro de LK.

« Tre grave do eraras tiuj, kiuj dezirus lasi ekskluzive al la LK la zorgon krei la vortaron... la kreanto de la lingvo estas kaj povas esti nur la popolo, kiu ĝin uzas, nur la verkisto kiu ĝin skribas... Oni ankaŭ diras: kial do la Akademio, kiu estis pli kompetenta ol ĉiuj ajn, ne kreus mem la novajn vortojn? — Ne, ĉar la Akademio ne havas la rajton erari!... La Akademio povas nur akcepti tion, kion la vivo, la praktiko montris akceptinda, bona, vivkapabla. » (Cart). — « La LK kaj ĝia Akademio ne havas la rajton iniciati iun ŝanĝon, korekton aŭ aldonon, nek krei novajn vortojn... » (Deklaracio de la Akademio, 1920). — « Eĉ se ia decido (de LK) ne plaĉas al ni, ni devas, per memvola disciplino, provizore senproteste obei... » (Grosjean-Maupin).

El tiuj tri oficialaj deklaroj, la du unuaj konkorde konstatas, ke la LK ne estas aŭtoritata por fari krean laboron, ke ĝi devas esti nur registrejo de la publika volo. La tria deklaro sonas male: la publiko obeu al la LK, eĉ se ĝi trovas malĝustaj ĝiajn decidojn. Estas do klare esprimite, per la buŝo de ĝia prezidanto, ke la libera evoluo de Esperanto estas sola fonto de ĝia pliriĉigado, pliperfektigado, ke la LK havas la rolon de observanto kiu konstatas progreson de la praktika uzado, sed neniam helpas aŭ malhelpas ĝin. Tio estis centfoje klare dirita en la polemikaj artikoloj de la periodo 1907-1914. Kaj, kiam la LK, per plimulto de siaj aktivaj anoj volis sankciigi unu plibonigon (balda, balde, morga, morge. ... anstataŭ baldaŭa, baldaŭ, morgaŭa, morgaŭ,...) la tuj ekflaminta persona agitado de la konservema grupo tion fiaskigis en 1908-1909, kiam la timiga fantomo de la skismo ankoraŭ ne paliĝis. Alia fiasko de progresemaj LK-anoj okazis kun la afero « vipuro ». Jen mallonge la faktoj. Unua eldono de la Universala Vortaro enhavas la radikon VIPER' kies internacieco estas perfekta. En la represo de tiu vortaro, kiu en 1905 iĝis parto de la Fundamento, aperis la formo VIPUR'. Sekvis demandoj, duboj, kritikoj... Zamenhof mem indikis la ĝustan formon de la 1-a eldono, konfesante ke VIPURO estas nur preseraro, kaj, kiel preseraro de la sankciita libro, ĝi devas resti senŝanĝa. Sed neniam Zamenhof diris, ke ekster la Fundamento, en neoficialaj vortaroj tiu preseraro devas ripetiĝi. Li ja komprenis sub la vorto « netuŝebleco » — netuŝeblan **libron** « Fundamento », kiel historian dokumenton. La praktiko, laŭ lia ideo, iru pli larĝe kaj tute libere, plikompletigante, plibonigante la **lingvon**, eĉ « ĝis ĝia plena nerekonebleco ». Sed, la konservema grupo de tiu tempo juĝis alie ol Zamenhof. Ĝi proklamis ke la netuŝebleco de la Fundamento (libro) signifas netuŝebleco, neŝanĝebleco de la lingvo mem.

Kaj tamen, post la unua kongreso en 1905, kiam estis sankciita la Fundamento kaj fondita la Lingva Komitato, la afero de Esperanto ŝajnis ekmarŝi sur bonaj reloj. La lingvo devis esti iomete korektita, multe kompletigita, entute revizata kaj ordigata. Malgraŭ la peza aparato da cent membroj, plejparte nekompetentaj en lingvaj problemoj, la LK tamen eklaboris, deko da fervoruloj; kaj jam maturiĝis kaj populariĝis la ideo, ke unue estos forigita la malfeliĉa finaĵo -aŭ, neutila por la adeptoj, stranga por neadeptoj. Boirac raportis, ke en prepara konsiliĝo la plimulto da akademianoj diris jes pri tiu forigo. Estis tiu hela tempo kiam la Lingva Komitato, gvidata de la progresemulo Boirac (kiu mem proponis la sufikson *-aĉ*, tuj adoptitan), povis publike deklari ke. « ... Neniel la Fundamento, nek la Lingva Komitato, povas esti baro por la normala evolucio de la lingvo, kiun (evolucion) ili kontraŭe certigas ». Sed, paralele kun la lingvo-laborantoj, nepublike organiziĝis kontraŭ-progresaj samideanoj, al kiuj la Delegacia afero kaj la Ido-skismo donis pretekston kaj rimedon.

Unuanimaj en intima diskutado pri la forigo de *-aŭ*, la akademianoj renkontis komploton da rezistado, dolore spertis atakon da protestoj, minacoj kaj — por eviti malpacon, por ĉesigi la bruon — ili rezignis je sia unua intenco. La finaĵo *-aŭ* ne ricevis sufiĉe da kontraŭvoĉoj kaj la tuta bonintenca reformeta afero fiaskis en **1909**.

(Daŭrigo sekvos).

---

* Kabe ja diris: la Komitato ne povos labori, se oni ne forpasos tri kvaronojn da anoj. El 215 lingvokomitatanoj, sinsekve elektitaj de 1905 ĝis 1914, mortis 29, eksiĝis memvole kaj estis eksigitaj 115, kaj restis 71 en 1927.

## Per biciklo al kongreso

Du nederlandaninoj biciklos al Parizo, Basel, Innsbruck, München, Wien, Warszawa. Dumvoje ili volonte vizitos Esperantistojn kaj esp. klubojn. Bonvolu skribi al: Tiny kaj Lucie Weyer, De Steeg, Nederl.

# Venu vidi Varsovion! Varsovio vokas vin.

## 29-a Universala Kongreso de Esperanto

### La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

*Adreso: Al. Jerozolimskie 39/11, Warszawa*

*Fervoja rabato*

Ni jam komunikis al la Esperantistaro pri la fervojaj rabatoj tra Polujo, Belgujo, Francujo kaj Ĉeĥoslovakio. Kun ĝojo ni povas informi nun pri la jenaj rabatoj:

*Aŭstrio* (N. 42663/1937 de 16/6/) 25 % rabato en 3 klaso kaj 33 % en la 2 kaj 1 klasoj. La rabato validos de 3-15/8 al Varsovio kaj de Varsovio de 7-19/8 kontraŭ la provizora karto.

*Danujo* (Nr. II 17972 de 14/6/) Grupoj de 20 personoj profitas rabaton.

*Nederlando* (Nr. Ep. 4. G. 10/3328) Grupoj de 10 personoj profitas rabaton.

*Finnlando* (Nr. 122/342 Tftk. de 15/6) Grupoj de 12 personoj havas 25 % rabaton.

*Svedujo* (Nr. Ubr. 280/297 de 17/6) Grupoj de 18 profitas de 25 % rabato.

*Svisujo* (Nr. 2174.8011 de 18/6) Individua 20 %, grupoj de 6-14 personoj, 20-30 %, 15-99, 30-40.

*Italujo* (Nr. C. 312/19210/10 de 21/6/) Rabato 30 %. al Varsovio, de 28 de Julio ĝis 14 de Aŭgusto, de Varsovio de 8 de aŭg. ĝis 25 de aŭg.

*Solena Malfermo de la Kongreso*

La Solena Malfermo de la Kongreso en la Salonego de la Varsovia Filharmonio.

*Balo en la Urbdomo*

La Internacia Balo okazos en la representaj salonoj de la Urbdomo.

*Solena fino de la kursoj de Morariu*

La 7-an de Junio en la salono de la Blindula Instituto okazis solena fino de la kursoj, gviditaj de S-ro Morariu. La solenaĵon partoprenis ĉ. 250 personoj inter kiuj estis multaj konataj esperantistoj. En la nomo de LK parolis vicpresidanto s-ro L. Klimecki. En la nomo de lernantoj parolis s-roj Majenski kaj Mitnik. Post la oficiala parto okazis koncerto kaj komuna fotografado. Ĉiuj kursanoj estis tre kontentaj pro la kursoj.

*Baghy en Varsovio*

Nia konata kaj ŝatata poeto Julio Baghy estas ankaŭ bonega Ĉe-instruisto. Pro la subita forveturo de S-no T. Morariu, Varsovion venis Julio Baghy, kiu gvidas kursojn por komencantoj kaj progresintoj. Ankaŭ estas komencitaj specialaj kursoj por tramvojistoj.

*Aliĝoj al la Kongreso*

La nombro de aliĝintoj ĉiam kreskas. El Usono aliĝis 12 samideanoj, kaj el Japanujo 2.

Kelkaj landoj en Eŭropo ankoraŭ estas tre malforte reprezentataj. Landaj Asocioj zorgu, ke multaj de viaj membroj partoprenu la Kongreson.

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 9

**1937 Junio 29-a Jaro**

*Portugala ĉefdelegito*

La Provizora Komitato de UEA nomis ĉefdelegiton de UEA ĝis regula elekto
S-ron Manuel de Freitas,
Rua Monte da Lapa 49-1, Porto.
Demandoj pri aliĝo al UEA en Portugalujo estu adresataj al li.

*Kunveno de la Prov. Komitato*

okazis la 25/26 de Junio. Ĝi ekzamenis la aferojn kurantajn, kaj starigis la agadplanon por la kongreso en Varsovio.

*Jara raporto*

La Jara raporto aperos en ESPERANTO laŭ decido de la Prov. Komitato. La venonta numero de la gazeto eliros je la 20-a de Julio, kaj enhavos la raporton pri 1936. Pro la Kongreso kaj libertempo la Aŭgusta eldono eliros je la fino de la monato Aŭgusto.

*Translokiĝo de la C.O.*

Kiel ni jam anoncis la C. O. translokiĝos al Palais Wilson dum Aŭgusto. Neeviteble prokrastiĝos respondo al korespondaĵoj dum tiu ĉi tempo. Urĝaj aferoj estos tamen prilaborataj tuj.

## Antaŭkongreso en Praha

5-6 Aŭgusto 1937

(2-a informo)

La unua informo pri tiu ĉi rendevuo de esperantistoj en la fame bela Praha trovis grandan eĥon inter la kongresontoj kaj en la tuta lando.

Hodiaŭ ni informas pri la programo:

Ĵaŭde 5. VIII.: akcepto de la gastoj tuj en la stacidomo. /Anoncu la horon de via alveno/. Vizito de la vidindaĵoj de Praha. Amika vesperarango kun iom da programo.

Vendrede 6. VIII.: Kunveno por honori la 50 jaran jubileon de Esperanto. — Vizito al la urbdomo. — Akcepto ĉe la urbestro de Praha. — Tagmanĝo. — Posttagmeze dua vizito tra la urbo.

Vespere forveturoje la 23.03 al Varsovio /alveno tien sabate je la 12.48 horo/.

Neniu speciala kotizo. — Fervoja rabato por kongresanoj. — Necesas sole: Informi pri la horo de via alveno kaj pri la ĉambro dezirata (unulita jam por 5 sv. fr., dulita 10 sv. fr.).

Senpagajn esp. broŝurojn pri Ĉeĥoslovakio kaj ĉiujn detalajn informojn sendas.

Prepara Komitato
Praha 47 — Uralské 9.

## Turisma servo

**Vizitu Ĉeĥoslovakion**

**ĉeĥoslovaka esperantistaro vin atendas**

estas la titolo de bela prospekto, eldonita de la Komerca Ministerio en Praha, Dekdu bildoj akompanas koncizan kaj precizan tekston. La nuna eldonaĵo kompletigas la jam belegan serion de similaj eldonaĵoj de la Komerca Ministerio, kie oficas unu el la pioniroj de nia movado. D-ro Pitlík, Honora Membro de UEA. Kiel ni scias, okazas ĉijare antaŭkongreso en Praha kaj estas dezirinde, ke la kongresanoj kies vojo iras tra la Ĉeĥoslovaka Respubliko profitu okazon por ioma restado.

La prospekto estas ricevebla senpage de la Turisma Servo de UEA.

## Bibliografia Servo

*D-ro Emil Pfeffer:* Kleines Taschenwörterbuch Deutsch-Esperanto. Eldonis Oesterreichischer Esperanto-Verlag. 32 paĝoj. Formato 12 × 8,5 cm. Prezo ne-indikita (1937-7).

*S. Grenkamp:* Oficiala Vortaro de Esperanto. Eldonis la aŭtoro mem. 250 paĝoj. Formato 14.5 × 11 cm. Prezo Frk. fr. 20.— (1937-8).

*Julius Glück:* La Grandaj Filozofoj kaj la Universala Lingvo. Eldonis J. Muusses, Esperanto-Biblioteko, Purmerend (Nederlando). 32 paĝoj Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo ne-indikita. (1937-9).

*M. J. Lermontov kaj D. N. Mamin-Sibirjak,* trad. A. Filatov: Rusaj Noveloj. Eldonis J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 37 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo ne-indikita. (1937-10).

*Teo Jung:* De Mukaeddin ĝis Mundilatin. Eldonis J. Muusses, Purmerend Nederlando). 34 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo ne-indikita. 1937-11).

*Arthur Domènech:* Poemoj. Eldonis Jaume Grau Casas. 36 paĝoj. Formato 15,5 × 11 cm. Prezo Pes. 1.— (1937-12).

# Anoncoj kaj Reklamo



Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato : 25 Junio 1937